# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Provizore ni akceptas nur abonojn por 15 monatoj (okt. 1926 ĝis dec. 1927) kontraŭ antaŭa pago.

Simpla abono por 15 monatoj 3.— sv. fk.

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 2.40 sv. fk.; minimume 10 abonoj po 1 80 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.50 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

Kiu ankoraŭ ne ricevis la oktobran numeron, speciale menciu tion ĉe abonmendo.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 3.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adreso:**

Heroldo de Esperanto
Horrem bei Köln (Germanujo)
Fako: Verda Stelo.

**Redaktoro:** Teo Jung

**Poŝtĉekaj kontoj:**

Germanujo: Köln 75102 Heroldo de Esperanto, Horrem.

Danujo 4962, Heroldo de Esperanto, Horrem (Germanujo).

**Diverslandajn valutojn ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.75 belga franko, 0.13 braz. milr., 3 bulg. levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.70 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.70 gr. drakmoj, 0.12½ hisp. peseto, 1400 hung. kronoj, 0.55 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.09 norv. krono, 0.18 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 5 rum. leoj, 0.07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto aŭ sveda krono. Rusoj pagu al la agentejo de Heroldo: A. Dunajev, Smolnij prosp. 15, kv. 11. Leningrad, laŭ kurzo: 0.10 sv. fk. = 0.04 or-rubl. kaj 20% por perado.

N-ro 1 — Oktobro — 1926


# Esperanto progresas.

## Esperanto.

**La 25-a Universala Kongreso de Paco en Ĝenevo (28 aŭg. ĝis 3 sept.) rekomendis al Tutmonda Unuiĝo de Pacaj Societoj, ke depost 1931 ĉiuj paroladoj nacilingvaj en la Packongresoj estu tradukataj en Esperanton.**

**Ministro de Laboro en Rumanujo, s-ro Tancu-Iaŝi, kiu mem estas esperantisto, aktive prezidis la 6-an Rumanan Esperanto Kongreson, okazintan de 11 ĝis 13 sept. en Galaco.**

**La 9 okt. okazis edziĝa ceremonio de Angla Eklezio la unuan fojon en Esperanto. Geedzoj estas angla advokato S. Jackson Coleman el Londono kaj aŭstra violonistino Muzza Schönau el Salzburgo. La familia lingvo de la nova paro estas Esperanto.**

## English.

**The 25th Universal Peace Congress at Geneva (28 Aug. to the 3d of Sept.) recommended to The World Union of Peace Societies that from 1931 onwards all speeches made at the Peace Congresses in national languages be translated into Esperanto.**

**The Roumanian Minister of Labour, Mr. Trancu Iashi, himself an Esperantist, presided over the 6th Roumanian Esperanto Congress which took place at Galatz from the 11th to the 13th of Sept.**

**For the first time in the history of the Anglican Church, a wedding ceremony took place in Esperanto on the 9th of October. The happy pair is a Barrister at law of the middle temple Mr S. Coleman Jackson of London and an Austrian Violonist Muzza Schönau of Salzburg. The family language of the newly married couple is Esperanto.**

## Deutsch.

**Der 25. Allgemeine Friedenskongress in Genf (28. August bis 3. Sept.) empfahl der Weltvereinigung der Friedensgesellschaften, ab 1931 alle nationalsprachlichen Reden auf den Friedenskongressen in Esperanto zu übersetzen.**

**Der rumänische Arbeitsminister Trancu-Iashi, der selbst Esperantist ist, führte aktiv den Vorsitz beim 6. Rumänischen Esperanto-Kongress, der vom 11.—13. September in Galatz stattfand.**

**Am 9. Oktober fand in London eine Trauungszeremonie der Englischen Kirche zum ersten Male in Esperanto statt. Das Brautpaar ist der englische Rechtsanwalt S. Jackson Coleman aus London und die österreichische Violinistin Muzza Schönau aus Salzburg. Die Familiensprache des neuen Paares ist Esperanto.**

## Français.

**Le 25-ème Congrès Universel de la Paix à Genève (28 Août—3 Sept.) a recommandé à l' Union des sociétés de la paix qu' à partir de 1931 tous les discours en langues nationales dans les congrès de la Paix soient traduits en Esperanto.**

**Le Ministre de Travail Roumain, M. Trancu Iashi, Espérantiste lui-même, a présidé le 6-ème Congrès des Espérantistes Roumains qui a eu lieu à Galatz du 11 au 13 Sept.**

**Une cérémonie nuptiale de l' Eglise anglicaine a eu lieu le 9 Octobre à Londres pour la première fois en Esperanto. Les deux époux étaient l'avocat S. Jackson Coleman de Londres et la violoniste Mlle. Muzza Schönau de Salzburg. La langue familière des jeunes époux est l'Esperanto.**

## Kion ni celas.

1. Doni al la esperantistaro regulan kaj fidindan sed plejeble malkaran internacian organon, kiu servas por informo, distrado kaj propagando.

2. Per tiuj bonaj kvalitoj (reguleco, fidindeco, malkareco) akiri al la gazeto plejeble multajn legantojn kaj per la gazeto plekti fortan ligilon ĉirkaŭ la tuta esperantistaro.

3. Per plejeble granda legantaro havigi al nia entrepreno firman bazon por sukcesplene varbi klientojn por nia Librejа fako kaj abonantojn al nia semajna Heroldo de Esperanto.

Nia longjara sperto en eldonista, redakcia kaj presista sferoj, nia rutinita personaro kaj la posedo de propra presejo prezentas la garantion, ke ni povas liveri al la gesamideanaro *valoran kaj fidindan gazeton je nekredeble malalta prezo*, kaj ni forte esperas, ke pro tio Verda Stelo fariĝos baldaŭ

**la internacia gazeto de ĉiu esperantisto**

kiun li nepre kaj unuavice abonas apud sia nacia propaganda organo. Kies situacio tion permesas, tiu fariĝu, kompreneble, ankaŭ abonanto al ĉiusemajna Heroldo.

Kaj nun la Verda Stelo ekiru sian vojon sur la Esperanto-ĉielo kaj dissendu sian lumon super la vastan mondon por helpi gvidi la erarigitan homaron al la vera paco kaj feliĉo, pere de nia kara internacia lingvo Esperanto!

## Esperantismo.

Esperantismo, Interna Ideo — kiom oni jam skribis por aŭ kontraŭ ili! Sed estas tiel facile adaptiĝi al ili, se oni nur ĝuste kaj prudente ilin konceptas.

Esperanto, per si mem, estas lingvo kaj *nur* lingvo, kompreneble. Esperantismo, laŭ la originala senco de la vorto, estas agado por tiu ĉi lingvo. Tre multaj esperantistoj tamen deziras, laŭ la ekzemplo de Zamenhof mem, doni al tiu vorto Esperantismo tute specialan signifon, kaj nome tiun saman signifon, kiun ili ankaŭ celas per la esprimo Interna Ideo.

Nu, Esperantismo aŭ Interna Ideo de l' Esperantismo, laŭ tiu koncepto, estas nenio alia ol la *agado por ĉio bona kaj bela*, utiligante *Esperanton* kiel *rimedon* por tiu celo. Neniu malkonfesos, ke tiu celo estas ideala, akcelinda, atinginda kaj do akceptebla por ĉiu esperantisto. Kaj en tiu senco ankaŭ la Verda Stelo batalos por Esperantismo kaj Interna Ideo. Sed ni konscias, ke tia Esperantismo kaj Interna Ideo povus ekzisti ankaŭ apud, ekster kaj eĉ sen Esperanto. Multaj homoj estas en tiu senco „esperantistoj“ kaj „internideanoj“ kiuj tute ne scipovas Esperanton aŭ eĉ ne scias pri ĝi. Precipe ilin gajni por nia afero, devas esti nia plej favorata zorgo, kaj ili ankaŭ plej facile konvertiĝos al nia afero kaj poste estos niaj plej fervoraj kunbatalantoj. Precipe la idealistoj, la veraj „esperantismanoj“, ja estas la fermentilo de nia movado. La nuraj praktikuloj ne povus daŭre vekteni la intereson, kvankam ankaŭ ili estas necesaj por iom kvietigi la ofte tro superŝaŭmantan entuziasmon, kiu alie povus facile perdi la realan fundon kaj disvaporiĝi en altajoj de l' fantazio.

Do, gesamideanoj, ni alvokas vin al laboro por *ĉio* bona kaj bela — por *vera* Esperantismo!

## Tra Esperantujo.

**Sub la signo de laboro.**

Ni ĝojis legante en Konkordo, la oficiala organo de sudslavaj esperantistoj, la sekvantan alineon:

„Estas preskaŭ ĉiama regulo: post la pena kaj prospera laboro venas la intertempo de ripozo kaj malvigliĝo. Ĉe ni okazis kontraŭe: post la sukcesoj kaj laboro de Maribor (= Marburg, kie okazis la lasta sudslava kongreso. — Red.) la dorma somera sezono pasis sub la signo de konstanta progreso kaj seninterrompa preparа laboro por la venonta aŭtuno.“

En Jugoslavio gravaj rondoj interesiĝas pri Esperanto, ekzemple la universitato en Zagreb, la radiostacioj de Zagreb kaj Novi Sad, membroj de l' parlamento, grandaj gazetoj kaj organizajoj.

Okaze de Zamenhofa memortago en decembro oni intencas kunvoki al Zagreb tutlandan laboran konferencon de delegitoj el ĉiuj gravaj kluboj de la lando.

**Pli ol 25 novaj kursoj en Wien.**

Esperanto-Unuiĝo de Urbaj Oficistoj de Wien komencis en septembro kaj oktobro 20 kursojn por komencantoj kaj ses kursojn pro progesintoj. Krome okazos du ekzamenaj kursoj, paroladoj kun lumbildoj, konversaciaj vesperoj ktp. En Wien oni nun povas ĉiutage (escepte sabate) viziti Esperanto-kursojn.

**Nova radio-Esperanto-kurso**

komenciĝos la 2 nov. sur ondo 1300 (Germana Ondo) en Berlino kaj daŭros ĉiun ĵaŭdon de 4 ĝis 4 30 h. ptm.

## Tra la mondo.

Teruraj uraganoj detruas florantajn urbojn en Sudorienta Usono kaj Meksiko. Miami kaj Palm Beach, la luksegaj ripozejoj de amerikaj multmilionuloj, ruiniĝas. Palacoj, hoteloj kaj magazenoj renversiĝas. Maro inundas stratojn, enpenetras kelojn. Homojn mortbatas falantaj muroj, sufokas altiĝantaj ondoj, atakas malsato kaj epidemio.

Tuj poste tifono detruas kabanojn kaj ŝiparojn en Ĥinujo, kiu jam tiom suferas pro la militludado de ambiciaj generaloj.

En Kanado depost du monatoj brulas grandaj arbaroj, kaj ĉia homa penado, estingi la avidajn flamojn, estas vana. Nur abunda pluvo povos savi.

Kaj samtempe sur la Suno montriĝas makuloj de grandega amplekso: en longeco de 222 500 km, t. e. preskaŭ 18-obla diametro de l' Tero, ili tiriĝas super la brileganta surfaco de nia taga astro. Oni supozas, ke la sunmakuloj iel havas rilaton al la revoluciaj okazaĵoj de la naturelementoj sur la Tero, sed oni ankoraŭ ne povis tion pruvi.

La politika vizaĝo de nia globo estas iom pli serena ol antaŭ kelkaj monatoj. La aliĝo de Germanujo al la Ligo de Nacioj multe kvietigis la situacion en Eŭropo. Estus dezirinde, ke la semoj de Lokarno, Ĝenevo kaj Thoiry baldaŭ portu la esperatajn fruktojn, por ke efektive venu la paco en dissiritan Eŭropon.

Al la efektivigo de la paco grandmezure helpas ankaŭ la paneŭropa ideo. Ĵus okazis en Vieno la I-a Paneŭropa Kongreso, kunvokita de la noblanima grafo Coudenhove-Kalergi. Dum la kongreso oni aŭdis multajn belajn parolojn de diversnaciaj reprezentantoj. Esperu ni, ke la bela sonĝo pri la Unuiĝintaj Ŝtatoj de Eŭropo baldaŭ fariĝu fakto.

## La 10-centima gazeto —

ĵen ĝi estas! Se grupo mendas Verdan Stelon por minimume 25 membroj, ĉiu pagos po numero nur dek svisajn centimojn aŭ egalvaloron!

**Neniu alia Esperanto-gazeto estas tiel malkara.**

## Verda Stelo kostas

por 15 monatoj (okt. 1926 ĝis dec. 1927) por simpla abono sv. fk. 3.—; por kolektiva abono sv. fk. 2.40 (se estas mendataj minimume 5 abonoj al sama adreso), sv. fk. 1.80 (se estas mendataj minimume 10 abonoj al sama adreso) kaj sv. fk. 1.50 (se estas mendataj minimume 25 abonoj al sama adreso). Egalvaloron de diversaj valutoj vidu sur la titolo!

## R. N. Coudenhove-Kalergi kaj Paneŭropo.

Viena korespondanto de la granda kroata gazeto „Obzor", aperanta en Zagreb, komunikas sekvantajn interesajn informojn pri la iniciatinto de la Paneŭropa movado.

Lia patro estas ido de malnova aŭstra grafa familio, lia patrino estas japanino. La orientaj vizaĝtrajtoj tre klare, sed agrable prezentas sin sur lia neordinare nobela kaj impresa vizaĝo. Coudenhove estas holanda kaj Kalergi greka nomo. Lia avino estis francino, kaj krom tio en liaj vejnoj troviĝas eĉ norvega sango — li do estas eŭropano en plena senco de la vorto. La filo de eŭropano kaj azianino, grafo R. N. Coudenhove-Kalergi estas juna, sufiĉe juna homo, sed havanta tre rimarkindajn animajn kapablecojn. Antaŭ dek jaroj, kiel junulo de dudek jaroj, li jam estis praktika filozofo kaj konigis sin inter scienculoj per grava verko „Etiko kaj hiperetiko". Nuntempe li estas komencinto kaj granda pioniro de sia paneŭropa ideo, li gvidas la movadon, kiu starigis por si la same grandan celon: la kreon de la tuteŭropa komunumo, aŭ de Paneŭropo.

Kun la karakteriza rideto de sia patrino sur la lipoj, sindona al la ideo, plena de multaj kuraĝaj esperoj, nefleksebla en sia laboro, s-ro Coudenhove-Kalergi sentas ĉiam apartan feliĉon, kiam li sukcesas transformi iun el siaj konatoj de eŭropano je paneŭropano. Lia oficejo laboras seninterrompe. Jen tiu, jen alia eŭropa eminentulo promesas al li sian kunlaboron, sciigas pri sia alveno al la kongreso. Ĉiun novaĵon tiu ĉi oficejo tuj dissendas al la gazetaro, ĉar ankaŭ reklamo estas necesa movigilo de ĉiuj, eĉ la plej idealistaj movadoj. Devas esti la reklamo. Paneŭropo ja devas citi la nomojn de siaj eminentaj subtenantoj sur siaj standardoj.

Ordinare tre kvieta, eĉ iom flegma, grafo Coudenhove-Kalergi, parolante pri sia ideo, pri la paneŭropismo, rapide varmiĝas kaj plendas, ke la politikistoj kaj ĵurnalistoj malbonuzas la nomon de la ideo, kaj kiam li legas tion, kion oni ofte skribas pri Paneŭropo, li sentas, kvazaŭ li aŭdus paroli antaŭ si iun duoninteligentulon, kiu malbonuzas la fremdlingvajn esprimojn. Sed aŭskultante lin mem, ĉiuj, kiuj ĝis nun dubis, devas fariĝi liaj adeptoj; kaj liaj obstinaj kontraŭuloj devas konfesi, ke lia ideo estas bone kaj esence bazita kaj, se ne mankos la volo, ĝi estos tute efektivigebla. Pro ĝi devos foriĝi multaj baroj, post kiuj klare sin prezentos la antitezo: Ameriko — Paneŭropo.

„Mi dezirus," diris s-ro Coudenhove-Kalergi, „ke la unuan demonstracion de la paneŭropa ideo ne partoprenu tiuj, kiuj volus misuzi nian kongreson, kripligi nian ideon. Forestu de ĝi ĉiuj sektanoj, spionoj, cinikuloj kaj tiuj malplenaj kapoj, kiuj dezirus ankaŭ tie ĉi flosi super akvo. Pli bone estus, se ni tute ne kunvenus, ol se ni, kunveninte, ne scios krei daŭran konkordon."

La ideo de Paneŭropo ne estas malnova — ĝi aperis apenaŭ antaŭ tri jaroj. „Unu tagon mi rimarkis, ke la nuna vivstato ne plu estas ebla," kviete diris juna Coudenhove. La postmilita politika sistemo ne povas sekurigi la pacon kaj industrion. Dum la tertremo absurde estus konstrui la domojn. La politika situacio devas stabiliĝi — alie neebla estos la kultura renaskiĝo. La prezidanto Masaryk estis la unua, al kiu mi prezentis la ideon de Paneŭropo. Mi volis tiam, ke la tutan aferon gvidu la ĉefpolitikistoj. Sed neniu el ili deziris tion fari. Tiam mi mem komencis la laboron, kaj rezulte mi estas pli ol kontenta pro la atingitaj sukcesoj. Kvazaŭ en unu tago mi trovis min ĉirkaŭita de la floro de l' eŭropa inteligentularo. Ĉiuj ni estas certaj, ĉiuj ni scias, ke la sukceso venos, ĉar *Paneŭropo estas idealo, sed ne komercaĵo, ĝi estas celo, sed ne modo.*"

Komunikis *Sudslava Esperanto Servo.*

## El Scienco kaj Tekniko.

### La ĥina lingvo.

De *K. Ĉ. Ŝan.*

Oni certe supozas, ke en Ĥinujo estas dialektoj tiel malsamaj kiel franca al angla; ke loĝantoj de urbo A bezonas tri-kvarjaran studadon de aliurba dialekto; ke estas erarkompreniĝo inter geedzoj, naskiĝintaj en malsamaj urboj; ke troviĝas grandega malhelpo por fremduloj, kiuj intencante ellerni ĥinan lingvon embarasite ŝanceliĝas elekti, kiu dialekto estas por ili bezona; ke ĥina vojaĝanto devas scii 10—20 lingvojn, ktp. Sed tiu hipotezo estas erara.

La ĥina lingvo diferenciĝas inter buŝa kaj skriba, sed la skriba tre influas la buŝan, tial la ĥinaj dialektoj pli malpli sekvas post la ĥina skribo, dum 2000 jaroj en sia ŝanĝiĝo.

La ĥina skriba lingvo estas ideografio. Ĝin elpensis saĝulo antaŭ 4000 jaroj. La primitiva formo tre similas la naturan figuron. Poste, por faciligi la skribadon, oni iom post iom aliigis ĝiajn elementojn. La nuna figuraro estas fiksita en sia formo jam antaŭ 2000 jaroj kaj restis senŝanĝa. Nordĥinaj personoj legas ĉiujn librojn kun sama kompreno kiel sudĥinoj, egale ĉu la libro eldoniĝas nove aŭ antikve. Dialekto ne troviĝas en ĥina verko, ĉar entute ĥina parolo ne estas redonata per la skribaĵo. Tial sama vortofiguro posedas malsamajn elparolojn ĉe la loĝantoj de diversaj urboj malproksimaj unu de la alia. Jen la „dialektoj" de Ĥinujo. Vere, tiaj dialektoj ekzistas multaj.

Ĉiu ĥina vortofiguro havas nur unu silabon, unu frazo konsistas el 2—3 aŭ pli da figuroj, t. e. silaboj. Ekzemple: ren (homo), ma (ĉevalo) ktp. Oni povas vidi, ke en ĉiu silabo troviĝas konsonanto(j) kaj vokalo. Ĝenerale en malsamaj dialektoj la konsonantoj estas samaj kaj nur la vokaloj ŝanĝiĝas. Cetere la ŝanĝiĝo de l' vokaloj iras regule jaron post jaro, kaj de unu urbo al alia, tiel ke oni, prenante unu ekstremon, povas enmanigi la tutan serion. Tial estas facile ellerni ĉian dialekton. Lastatempe la tiel nomita „Ku ju" disvastiĝas en Ĥinujo kiel Esperanto en la mondo. Ĝi estas artefarita serio da alfabetoj destinitaj por akordigi la dialektojn de Ĥinujo. Mi kredas, ke la malsameco de la ĥina buŝa lingvo malaperos dank' al la neceseco de l' popola komunikado kaj natura evolucio de l' homa lingvo.

La disvastiĝo de Esperanto estas la sama kaŭzo, kaj kompreneble ĝi ŝanceligos la malhelpon naskitan el la naciaj lingvoj kaj unuigos la homaron tiel facile kiel la ĥina lingvo Ĥinujon.

### *La Verda Stelo.*

*Nigra la nokto fantoma sur Tero:*
*Nokt' de teruro, de homa sufero.*
*Flam'*
*De sanga malam'*
*Rampas tra koroj — venena vipero.*

*Kaj de l' milit' abomena furio*
*Ĉasas tra landoj en detru-manio.*
*Ter'*
*Fariĝas infer'.*
*Ĝemas popoloj en mort-agonio.*

*Jen ekleviĝas sur nigra ĉielo*
*Mildradiante la Verda Stelo.*
*Mir',*
*Profunda ekspir':*
*Ĝojas homaro pro ĉes' de malhelo.*

*Ĉesas la nokto, kaj ĉesas sufero:*
*Venas la lumo, kaj venas espero.*
*Flam'*
*De tutkora am'*
*Kreas feliĉon sur paca jam Tero.*

### Sovetunio en nombroj.

Multaj homoj scias pri geografia situo, proksimuma amplekso kaj regsistemo de USSR (Sovetunio); sed pri ĝia interna strukturo kaj aliaj aferoj ili nenion scias. Sovetunion formas ses grandaj regionoj kun areo de kune 21 163 600 kvadrat-kilometroj kaj ĉ. 140 000 000 loĝantoj. La evidente plej granda regiono estas la Rusa Federacio (ĉefurbo Moskvo) kun preskaŭ 20 000 000 kvkm kaj 97 000 000 loĝantoj. Sekvas Turkmenio (ĉefurbo Poltorack) kun ĉ. 456 000 kvkm sed malpli ol miliono da loĝantoj. Trialoke staras Ukrainio (ĉefurbo Ĥarkov) kun 446 400 kvkm kaj 28 000 000 loĝantoj, kvare Uzbekio (ĉefurbo Samarkand) kun 312 000 kvkm kaj preskaŭ 5 000 000 loĝantoj, kvine Kaŭkaza Federacio (ĉefurbo Tiflis) kun 196 000 kvkm kaj 5 500 000 loĝantoj kaj sese Blankrusujo (ĉefurbo Minsk) kun 111 000 kvkm kaj iom pli ol 4 000 000 loĝantoj.

Ĉiu regiono estas dividita en gubernioj resp. distriktoj kaj aŭtonomaj respubliikoj.

Sovetio posedas 22 urbojn kun pli ol 100 000 loĝantoj kaj 50 urbojn kiuj havas 50—100 000 loĝantojn. Plej granda estas la ĉefurbo Moskvo kun ĉ. 1 900 000 loĝantoj.

### *Post pluv'...*

*Post pluv' senĉese faleginta,*
*post la torent',*
*vidiĝas ĉielark' mirinda*
*je l' firmament'.*

*Revivas tiel post sufero*
*kaj amdolor'*
*la vivdeziro, la espero*
*en mia kor'.*

*Jan van Schoor.*

## Sub la Tero.

De *S. Balkanano.*

Ili kunvenis en sia templo. La infanoj de eterna mallumo! La talpoj, kiuj fosas subteran trezoron. Ili volas eldiri sian preĝon, kaj konkerde komencas bati iliaj krampoj, kiuj eksonas kiel pia kanto. Nigraj amasoj da karbo falas; unuj ĝin faligas, aliaj ĝin per ŝoveliloj ĵetas en la vagonetojn.

Eĥas tinto de ŝoveliloj en malhelaj koridoroj, ĝi eĥas, kaj ĝia eĥo estas dolora kanto pri eterneco de mallumo, eĥo de ŝvito, kiu falas de sur frunto kaj tuta korpo . . .

Lumigataj per la lumo de „bonfaranto" de ministoj Davy*), kurbigitaj korpoj aspektas kiel fantomoj de martiroj, kies vivo pendas kvazaŭ je fadeno, kiu povas ŝiriĝi, ĉu pro eksplodo de krakogaso, ĉu pro superakviĝo aŭ renversiĝo de minejo.

Per fluado de ŝvito de sur duone nudaj korpoj, nigriĝintaj pro karbopolvo, falas grandaj amasoj da karbo, kaj vagonetoj ilin veturas al levmaŝinoj. El malhelaj profundaĵoj de dolora templo de korpoj elsuĉataj kaj animoj mortigataj oni ricevas tion, sen kio haltus lokomotivoj kaj aliaj vapormaŝinoj, sen kio la civilizacio perdus sufiĉe multe.

Fantomaspektaj ombroj en profundo de karbminejo, batalantoj por sia ekzisto, pro ĉiutaga pano de siaj infanoj, fosas kaj fosas sen suna lumo, sen freŝa aero. Ili en la timo estimas sian diajon. Pro tio la karbminejo estas ilia templo, la fosado pia kanto. Sed kiom la karbminejo estas ilia templo, tiom ĝi estas ankaŭ infero; kiom la fosado estas pia kanto, tiom ĝi ankaŭ estas malbeno je tiuj, kiuj ilin ĉi tien sendis, kiuj al ili ordonis, ke ili kvazaŭ talpoj subfosu la teron kaj ŝvitante eltiradu nemezureblan riĉaĵon, kiu estas utila nur al tiuj, kiuj troviĝas sur tera surfaco en elektre lumigitaj haloj, aŭskultante sonojn de violonoj, rigardante nudajn dancistinojn kaj trinkante ŝaŭmantan ĉampanon.

Elturmentitaj ministoj fosas kaj fosas. La batado de ilia ilaro aŭdiĝas kiel dolora kanto de moderna sklavaro.

Sed subite eksonas sonoriloj.

Estas tagmezo!

La laboristoj ĵetas sian ilaron kaj sidiĝas sur vagonetoj. Ĉe levmaŝino ili saltas el la vagonetoj kaj sidiĝas sur nigraj amasoj da karbo.

Suprenlevado daŭras nur kelkajn momentojn, kaj forta brilo de taglumo blindigas la okulojn. La laboristoj fermas siajn okulojn pro la lumo, ĝis ili alkutimiĝas al ĝi. Tiam ili foriras al siaj hejmoj tagmanĝi, sed ekstere atendas jam la aliaj kaj eniras en la ejojn, kie regas duonhelo kaj majesta trankvilo, ĝis ĝin interrompas malgajaj sonoj de krampoj kaj ŝoveliloj.

Tiel la aliaj komencas sian laboron, ĝis ilin je la oka horo vespere anstataŭas ree novaj, iom pli freŝaj kunsuferantoj . . .

*) Davy estas inventinto de mineja lampeto.

## La Legendo de l' Ora Lotuso.

(Japana Legendo.)

Rakontis *Liem Tjong Hie,* Semarang.

Kiam Budho estis fininta siajn sanktajn pripensojn sur la monto „Dan-doku", li estis iranta al la urbo, malrapide, laŭlonge de roka vojeto. La mallumaj ombroj de l' nokto rampis super la lando, kaj ĉie estis profunda silento.

Kiam Budho alproksimiĝis al sia destinita loko, Li aŭdis, ke iu vokis: „Shio-gijo mu-jijo." (La ekstera maniero de ago ne estas ĉiam montro al la natura karaktero.)

Budho treege ĝojis pri tiuj vortoj kaj deziris ekscii, kiu parolis tiel saĝe. Ĉiufoje Li ree aŭdis tiujn samajn vortojn, kaj alirinte al la rando de abismo, li rigardis en la valon malsupre de Li, kie Li vidis terure malbelan drakon, kiu Lin fiksis per furiozaj okuloj.

Tiam la Sankta Viro sidigis sin sur roko, kaj demandis la drakon, kiel ĝi lernis unu el la plej profundaj misteroj de l' Budhismo. Tiel abstrakta saĝeco supozigis, ke ankoraŭ granda sufiĉego da spiritaj verecoj povis esti manifestata, kaj tial Budho petis, ke la drako denove esprimu aliajn, saĝajn dirajojn.

Poste la drako, kurbiginte sin ĉirkaŭ la roko, kriis per laŭta voĉo: „Ze-shio metsu-po!" (Ĉiuj vivantaj aĵoj estas kontraŭdiraj al la leĝo de Budho!)

Espriminte tiujn ĉi vortojn la drako kelkmomente estis silenta. Poste Budho petis ankoraŭfoje aŭdi alian maksimon.

„Shio-metsu metsu-i!" (Ĉiuj vivantaj aĵoj devas morti!) la drako elkriis.

Je tiuj vortoj la drako ekvidis Budhon, kaj sur ĝia terura vizaĝo estis trajto de treega malsato.

La drako tiam diris al Budho, ke la sekvonta verajo estos la lasta, kaj de tiel granda valoro, ke ĝi tiun ne povos komuniki, ĝis ĝia apetito estos kvietigita.

Tiam la Sankta Viro rimarkis, ke Li nenion rifuzus al la drako, se al Li nur estus publikigata la kvara verajo, kaj demandis la drakon, kion ĝi deziras. Kiam Budho aŭdis, ke la drako deziras homviandon interŝanĝe je sia lasta grandvalora saĝa maksimo, la Majstro sciigis la drakon, ke Lia religio malpermesas, ke vivantaj aĵoj estu

La fervoja reto de Sovetio ampleksas ĉ. 37 000 km. Plej longa linio estas tiu de Leningrado al Vladivostoko kun 9610 km, plej mallonga sed plej grava tiu de Leningrado al Moskvo kun 651 km.

### Nova tunelo sub Hudsono.

Jam delonge la najbaraj urboj New York kaj New Jersey, kiujn separas la larĝa Hudson-riverego, estas ligitaj per tunelo de la subtera fervojo. Sed veturiloj kaj piedirantoj ĝis nun devis uzi tramojn por transpasi Hudsonon. Konstrui ponton ne ŝajnas konsilinde pro la granda larĝeco kaj profundeco de la riverego. Nun antaŭ kelkaj tagoj estas inaŭgurita nova tunelo, kiu servas nur por la trafiko de veturiloj kaj piedirantoj. La tunelo konsistas el du tuboj, kies ĉiu havas longecon de tri kilometroj. Ĉiu tubo estas tiel larĝa, ke tri aŭtomobiloj povas veturi unu apud la alia. La konstruado de la tunelo kostis ĉ. 50 milionojn da dolaroj.

### Telefono en dezerto Sinai.

Trans la dezerton Sinai, tra kiu Moseo kaj Arono antaŭ tri mil jaroj kondukis la izraelidojn, oni nun metas dratojn, por interligi Egiptujon kaj Palestinon per telefono. Post nelonge oni do povos senpere paroli el Jerusalemo kaj Haifa al Kairo, Aleksandrio kaj Port Said en la lando de l' Faraonoj.

### Elektra interurba ekspresfervojo

estas jam delonge projektita por interkomunikigi, pli bone ol ĝis nun, la grandurbojn de la okcidentgermana (rejn-vestfalia) industria teritorio inter Köln, Düsseldorf, Duisburg, Essen kaj Dortmund. En la grandurboj la ekspresfervojo estus subnivela, kaj tra la kamparo supernivela (sur digo). La elektra ekspreso veturus 200 km pohore. La efektivigo de la projekto postulas ĉ. 350 milionojn da oraj markoj (pli ol 80 milionojn da dolaroj). Antaŭ kelkaj tagoj oni denove diskutis la projekton en Ruhr-landa unuiĝo de arkitektoj kaj inĝenieroj en Essen. Kvankam ekzistas voĉoj kontraŭ la efektivigo de la projekto, la granda plimulto de la loĝantaro de l' industria teritorio deziras la ekspresfervojon, kiu forigus gravan mankon kaj kiu ankaŭ donus bonan rentumon, pro la atendebla grandega trafiko.

## Agrikulturo.

### Tero de l' estonteco.

La mallarĝa longa bordo de Peruo, inter la montgigantoj de l' Andoj kaj la Pacifiko, estas, kun malmultaj esceptoj, granda dezerto. Jam la inkaoj preferis kulturi la pli altan teron aŭ la teron oriente de l' Andoj. Nun oni intencas kulturi grandajn areojn de la dezerta bordo. La problemo estas, distribui la akvon de la nemultaj riveroj. Tiel sude de Lima oni jam kulturis 5000 ha en la valo de l' Canete. Kie antaŭ du jaroj ne kreskis eĉ unu folieto, tie nun staras viraltaj gosipioj (kotonujoj). En la norda bordo oni nun komencas kulturi 250 000 ha de la dezerto de Sechura. Por tio oni devas konstrui tunelon de 10 mejloj tra la Andoj, por alkonduki la akvon de la Huancapamba, flanka rivero de l' Maranjono (Amazonas), kiu liveros posekunde 20 kubikmetrojn da akvo. Per artefarita akvofalo oni rikoltos 120 000 ĉevalpovojn por la industria evoluigo de la regiono. La efektivigo de la tuta projekto kostos ĉ. 125 milionojn da sv. frankoj.



*Nia junularo — nia estonteco.*

*La bildeto montras svedan infanhoron antaŭ la lernejo en Svennehad. Okaze de la jarkunveno de Sveda Esp Federacio en Orebro tiuj ĉi infanoj kantis svedajn kaj esperantajn kantojn sub gvidado de nia samideano s-ro kantoro Linus Andrén, instruisto en la popollernejo de Svennehad. La horo ricevis multajn aplaŭdojn.*

## Socia vivo.

### Bona rezultato de la labordevo en Bulgarujo.

La registaro Stambulinski enkondukis en j. 1920 la labordevon. Laŭ ĝi junuloj sub la aĝo de 20 jaroj devas dekdu monatojn labori por la ŝtato, fraŭlinoj same ses monatojn. La plenkreskuloj inter 20 kaj 30 jaroj povas esti „mobilizataj" ĉiujare por trisemajna porŝtata laboro. Tiu ĉi sistemo havis bonan rezultaton. En la laborjaro 1924—25 restis profito de 10 milionoj. La sistemo de labordevo estas ĉiukaze preferinda al tiu de militserva devo; sed ĉar ankaŭ ĝi perfortas la liberan volon, ĝi ne estas tre demokrata; ĝi estas eĉ malmorala, ĉar riĉuloj povas liberiĝi de la labordevo per pago de certa sumo.

## Virino.

### La sociala pozicio de la turka virino.

„Turkujo estas fabelo, kiu estas finita!" diras la romantikemuloj, kaj kun melankolia rideto ĉirkaŭ la lipoj ili vidas la moderniĝon de la iam tiel misterplena turka regno.

„Turkujo estas leviĝanta stelo!" triumfas la reformemuloj de la nuna tempo.

Ambaŭ partioj estas pravaj. Per la okcidenteŭropaj ideoj kaj leĝoj Turkujo perdas la misteran brilon, kiu dum antaŭaj tempoj al ĝi donis tian ĉarmon, sed ĝi fariĝas pli sana kaj pli forta.

La pozicio de la turka virino estas intime ligita kun tiuj akre efikaj sociaj ŝanĝoj. En tuta Norda Eŭropo la viro, ne sen rezisto sed sub devigo de l' tempo, jam kvietiĝis pri tio, ke la virino estas memstara persono. La turkoj povas nur malrapide kutimiĝi al tiu ĉi vivkompreno tre stranga por ili. Kompreneble, oni devas diferencigi inter la loĝantoj de la urboj kaj de l' kamparo. En la plej multaj turkaj vilaĝoj oni eĉ nun konsideras la virinon kiel la „plej uzeblan dombeston", kiu zorgas pri la kampo kaj pri la dommastrumado kaj de kiu oni atendas, ke ŝi estas je festotagoj ornamita je honoro de l' viro. Forlasante la domon kun la kradumitaj fenestroj, la virino surmetas la „aŝarŝafon", strangan vestaĵon, kiu ĉirkaŭfermas ŝian kapon kiel monakina ĉapo kaj de kiu pendas dika vualo. Timeme ŝi rigardas flanken, kiam fremda viro ŝin rigardas aŭ kiam fotografa aparato estas direktata al ŝi. Dum sia libera tempo ŝi babilas kun aliaj virinoj pri la kuirejo, pri la infanoj kaj vestoj kaj kelkan horon ŝi uzas por la flegado de sia korpo.

Ŝi koloriigas siajn fingroungojn ruĝbrunaj. Por plaĉi al la edzo, ŝi preparas „rosumitajn migdalokulojn", uzante delikate pistitan antimon-pulvoron, kiu estas surmetata sur la palpebrojn per maldikaj lignaj bastonetoj. Poste ŝi fermas kaj malfermas la okulojn rapide, tiel ke la ŝmiraĵo estas bone dispartigata kaj la okuloj ricevas malsekan brilon.

La moderna inteligenta virino en la grandaj turkaj urboj kontraŭe trabatas por si kaj siaj fratinoj novan vojon. Ŝi estas tute alia. Ĉiajn tradiciojn ŝi forĵetas. Kiel ŝi demetis la vualon, tiel ŝi ankaŭ malpaciĝis kun la regado de la forta sekso, kaj spite al la obstina rezisto de la viro ŝi ne ĉesas batali por sia liberiĝo. Kvankam tiu ĉi deziro (al emancipacio) en la komenco eble naskiĝis el la sociala mizero, tamen ankaŭ la vekiĝo el jarcentojn daŭrinta dormo de l' spirito kaj de l' volo ion signifi estas faktoro, kiu kunefikas en tiu ĉi direkto, tiel ke „fabelo Turkujo" ŝanĝiĝas en prozan revuon pri la spirita kaj sociala evoluo de la turka virino.

El Neues Wiener Journal tradukis *H. Fahnl*, Wien.

## Sporto.

### La sporta kariero de la „kurmiraklo" Peltzer.

En siaj junulaj jaroj Peltzer estis malsanema kaj suferis je reŭmatismo. Por plifortigi sian sanstaton, li ekzercadis malpezan atletikon, precipe kuradon. Liaj plej bonaj tempoj tiam estis: 100 m 12 sek., 400 m 59 sek., 800 m 2 min. 20 sek., do nenio eksterordinara. Unuafoje li startis publike en printempo 1920 okaze de loka sportfesto de la sportunuiĝo, kies membro li estis, kaj venkis tiam trifoje je 100, 1000 kaj 1500 m (4 min. 37 sek.) En 1921 li gajnis i. a. la ĉampionecon de Germanaj Altlernejoj. En 1922 li fariĝis en Berlin verkinto en Germanaj Batalludoj je 800 m kaj iom poste en Duisburg germana ĉampiono je 1500 m. En 1923 li fariĝis en Göteborg dua venkinto post Wide je 1500 m. En 1924 li denove gajnis la germanan ĉampionecon je 800 kaj 1500 m kaj venkis la faman Martin je 800 m. En 1925 liaj sukcesoj en Wien decidis la germanan venkon ĉe la batalo de kvin landoj, kaj en Norvegujo li venkis dufoje kontraŭ la amerikano Stevenson.

La stelo de lia gloro alten leviĝis post lia nunjara venko en Anglujo, kie li starigis mondrekordon je duona mejlo en 1 min. 51,6 sek. La kulminon li atingis per sia lasta granda venko super Nurmi kaj Wide.

D-ro Peltzer mezuras 1,86 m kaj pezas 69,5 kg. Li estas ne nur fenomena kuranto, sed ankaŭ bona saltanto. En longsalto li atingis 6,50 m.

La kariero de Peltzer pruvas, ke ankaŭ homo kun malforta korpo povas, per persista ekzercado, atingi kapablecojn, kiuj mirigas la mondon.

---

mortigataj, sed ke Li probezone de la bonfarto de Sia popolo oferus Sian propran korpon.

La drako malfermis sian grandan faŭkon kaj diris: „Jaku-metsu l-raku!" (La plej granda feliĉo estas eksperimentata, post kiam la animo forlasis la korpon!)

Budho fleksiĝis kaj tiam saltis en la oscedantan buŝegon de l' drako.

Apenaŭ la Sankta Viro tuŝis la makzelojn de l' monstro, kiam tiuj ĉi dividiĝis je ok partoj kaj sammomente ili ŝanĝiĝis je la ok florfolioj de l' Ora Lotuso.

### Du fabloj de Lessing.

Trad. *Luise Maria Schmied*, Prago.

#### La azeno kun la leono.

La azeno, kiun uzis la leono de Ezopo anstataŭ ĉasist-korno, renkontis iam en la arbaro azenokonaton, kiu vokis: „Bonan tagon, kara frato!"

„Senhontulo!" estis la respondo.

„Kial do? Ĉu vi pro tio, ke vi servas al leono, estas pli bona ol mi? Pli ol azeno?"

#### La vulpo kaj la cikonio.

„Rakontu do al mi ion pri la fremdaj landoj, kiujn vi vidis!" diris la vulpo al la malproksime vojaĝinta cikonio — kaj tuj ĉi tiu komencis nomi ĉiun marĉon kaj ĉiun malsekan herbejon, kie ĝi manĝis la plej bongustajn vermojn kaj la plej grasajn ranojn.

### Poeto kaj reĝo.

La sveda reĝo Gustavo 3-a tre ŝatis la poeton Karlo Michaelo Bellmen. Pro lia saĝeco la reĝo lin faris kortega konsilanto. Lian konsilon li petis kaj sekvis en ĉiuj malfacilaj kaj komplikitaj ŝtataj aferoj.

Foje la poeto troete akre respondis al la reĝo, pro tio perdis lian bonvolon, kaj la reĝo malpermesis al li la kortegon. Sed ĉiujn gravajn skribaĵojn, kies respondo aŭ decido necesigis saĝan kapon, oni sendis al li en la loĝejon. Tiu ĉi solvo de la afereto gajigis kaj samtempe koleretigis la poeton.

Foje Bellmen sciiĝis, ke la reĝo preterrajdos lian domon, kaj li decidis ludi al la regnestro strangan scenon. Je la horo, je kiu la reĝo estis anoncita, li forte sapumis siajn vangojn kaj rigardis de la unua etaĝo straten el la malfermita fenestro. De la strato estis apudmetita al la fenestro alta ŝtupetaro, je kies supro staris razisto, razanta la poeton kun la plej serioza mieno.

La alproksimiĝanta reĝo kelkan tempon rigardis la strangan stratscenon kaj, veninte al la domo, haltigis la ĉevalon kaj mirite demandis: „Je diablo, kion signifas tiu ĉi komedio?"

Trankvile respondis la poeto: „Mia razisto, reĝa moŝto, perdis mian bonvolon, kaj mi malpermesis al li la eniron en mian domon. Sed ĉar mi mem ne povas helpi al mi sen tiu ĉi fripono, mi aranĝis la aferon ĉi-maniere."

La reĝon tiom ridigis la sprita respondo, ke li preskaŭ terenfalis de la ĉevalo. Depost tiu tempo la poeto estis bonvena ĉe la korto kiel antaŭe.

P. Kilian.

### Ŝercoj.

Kolektitaj de *S. Prager*, Bucureŝti.

En la teatro: Sinjoro, mi petas, ne plu fajfadu ĉe mia orelo, ĉar vi devigas min aplaŭdi sur via vizaĝo!

❀

— La maldiligento estas patrino de ĉiu malvirto!
— Strange: mi konis ŝteliston, kiu tute ne estis maldiligenta!

❀

— Mia frato neniam laboras inter la manĝoj.
— Ĉu li vivas el rento?
— Ne, li estas kelnero.

❀

— Kelnero, kiel vi kuraĝas elpreni vespon el la supo, per la fingroj?
— Ho, sinjoro, mi ne timas, ĝi jam mortis.

❀

Malsanulo, vekiĝante post longa svenado:
— Kie mi estas, ĉu en la paradizo?
— Ne, karulo, respondas lia edzino, kiel vi povus esti en la paradizo? Ĉu vi ne vidas min apud vi?

## Enigma angulo.

### 1. Silab-enigmo.

a a bo da di di e e en gen jev ko lan lo mo no no nu o o o ra ri si son ter to tur vi ze zo.

El ĉi tiuj 31 silaboj devas esti formataj 10 vortoj, kies komencliteroj, de supre malsupren legataj, signifas novan Ezperanto-gazeton.

La vortoj signifas: 1. floro, 2. fama inventisto, 3. moderna inventaĵo, 4. eŭropa riverego, 5. dombesto, 6. lando en Azio, 7. rusa verkisto, 8. fiŝo, 9. lumigilo, 10 ĉieldirekto.

### 2. Krucvort-enigmo.

De *K. H. Wernicke*.

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | | ● | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 |
| 10 | | | | ● | 11 | ● | 12 | | | |
| 13 | | | ● | 14 | | 15 | ● | 16 | | |
| 17 | | ● | 18 | | | | 19 | ● | 20 | |
| | ● | 21 | | | | | | | ● | |

La *horizontalaj* vortoj signifas: 1. ripozilo, 5. protektilo, 10. elefantosto, 12. lernejo, 13. jurista regulo, 14. krimo, 16. afekcio, 17. sufikso, 18. monvaluto, 20. nombro, 21. ĉambreto.

La *vertikalaj* vortoj signifas: 1. rampobesto, 2. insekto, 3. bruego, 4. sufikso, 6. sufikso (kiel 17. horizontale), 7. samsono, 8. kemiaĵo, 9. parto de pordo, 11. kemia elemento, 14. vestaĵo, 15. refreŝigilo, 18. prepozicio, 19. prefikso.

Ĉiuj vortoj sen gramatika finaĵo.

Solvoj en n-ro 2.

# La vintra laboro komenciĝas.

Utiligu Verdan Stelon grandmezure por la propagando!

Donu ĝin kiel utilan kaj malkaran legaĵon al komencantoj!

Uzu ĝin vastamplekse en la kursoj:

Ne ekzistas pli interesa legaĵo por la estontaj kunbatalantoj ol internacia gazeto!

## Mendu jam hodiaŭ amas-abonojn!

# Diversaĵo.

### La vivo pli romaneca ol romano.

Antaŭ nelonge en Sicilio oni liberigis el pundomo 90-jaran kamparanon, kiu antaŭ 50 jaroj estis, pro mortigo, kondamnita je dumviva mallibereco. Ĝuste en la tempo, kiam li estis kondukita al la pundomo, lia edzino naskis filon, kiun li tamen neniam vidis. Kiam la filo estis 20-jara, li aŭdis, ke laŭdire neveraj eldiroj de atestantoj kaŭzis la sorton de lia patro. Por venĝi sin, li mortigis la du atestantojn. Li estis kondamnita je 30-jara mallibereco. La filo jus finis sian puntempon, kiam lia patro estis liberigata, kaj nun patro kaj filo povis la unuan fojon ĉirkaŭbraki unu la alian.

### Insulo de milionuloj.

Proksime al la franca bordo, sed apartenanta al Britujo, troviĝas insulgrupo, kies plej granda insulo estas Jersey kun 50 000 loĝantoj, kiuj ĝuas la privilegion de impostlibereco. Tiun cirkonstancon utiligis al si multaj britaj milionuloj. Ili aĉetis domon sur la insulo, per tio fariĝis civitanoj de Jersey kaj ne pagas al la ŝtato la heredimposton. Nur malofte ili revenas al sia domo sur Jersey, tamen la ŝtato ne povas devigi ilin pagi la imposton. Tial oni nun intencas nuligi la privilegion. Sed ĉu la insulanoj silente akceptos la nuligon?

### El mirakla urbo New York.

Unu miliono da infanoj vizitas la publikajn lernejojn de Novjorko (New York).

Se ĉiuj lampoj, kiuj lumigas Novjorkon, estus metataj je unu rekta linio, ili atingus San Franciskon en Kalifornio.

Por trapromenadi unufoje ĉiujn stratojn de Novjorko je mezrapida paŝo po ok horoj ĉiutage, vi bezonus almenaŭ ses monatajn; ĉar la Novjorkaj stratoj okupas pli ol 4000 mejlojn.

Novjorko pagas unu trionon de la enspeza imposto de tuta Usono.

Pli ol 20 000 000 libroj estas ĉiujare legataj en la publikaj librejoj de la giganta urbo.

137 000 infanoj naskiĝas jare en Novjorko.

*R-n*, New York.

### Terura statistiko.

En Usono ĉiujare unu persono el naŭ suferas pro akcidento. Unu el ĉiuj dek mortoj estas kaŭzata de akcidento. Pli ol 12 000 000 akcidentoj okazas ĉiujare en Usono, t. e. 23 en ĉiu minuto, 1380 en ĉiu horo. Ĉiujare pli ol 100 000 personoj perdas brakon, manon aŭ piedon. Novjorko havas ĉ. 36 000 kripluloj, duono el ili havas malpli ol 16 jarojn.

*R-n*, New York.

### Tuta kastelo transportata en kestoj.

La kastelo Courcelles en Normandio (Francujo) nun estas malkonstruata, ŝtono post ŝtono, pakata en kestoj kaj ekspedata Amerikon. La amerika aĉetinto intencas rekonstrui la francan kastelon sur sia posedaĵo proksime de Novjorko.

### Kio estas Sampano?

Ĉu vi dezirus loĝi sur krude ĉarpentita floso, longa kvin metrojn kaj larĝa du metrojn? En Ĥinujo multaj familioj vivas, laboras kaj dormas sur tia „sampan'o". La sampanoj estas troveblaj sur ĉiu ĥina rivero, precipe sur la Kanton-rivero. La „bonstataj" sampan-loĝantoj posedas tegmenton el oleumitaj matoj, la malpli bonstataj aranĝas ĝin el ĉifonoj, kaj la tute malriĉaj kontentiĝas per kelkaj tabuloj metitaj super angulo de la floso, kie ili trovas ŝirmon kontraŭ la pluvo kaj kie dumnokte dormas la tuta familio. La sampananoj vivas per la vendado de memfarita porŝipa ilaro kaj de kaptitaj fiŝoj. Multaj esploras la bordojn por trovi eventualajn restaĵojn de ŝipŝarĝaĵoj, kiujn ili vendas. La tuta vivo de tiuj ĉi flosloĝantoj estas mizerega, kaj supozeble neniu el niaj legantoj dezirus interŝanĝi sian sorton kun la ilia.



# Lingva tasko.

### Korektota teksto.

(Sekvonta teksto enhavas erarojn koncerne la aplikadon de l' akuzativo kaj de l' refleksiva pronomo. Kiu ĝuste korektos tiun ĉi tekston, tiu povos fieri, ke li scipovas la aplikadon de l' akuzativo kaj de l' refleksiva pronomo. La ĝusta teksto estos publikigata en la sekvonta numero.)

Karlo staris ĉe la bordo de l' rivero, la manoj en la poŝojn de lia pantalono, kaj rigardis ĝian akvon, sur kies klara supraĵo respeguliĝis sian staturon. Poste li levis siaj okuloj kaj direktis la rigardoj trans la riveron. Tie, sur la alian bordon, li vidis homoj starantaj apud iliajn boatojn. Du el ili saltis en la rivero, per siajn fortajn brakojn dispuŝis la akvo de la rivero kaj naĝis tra siajn ondojn al Karlo. Kiam ili alproksimiĝis, Karlo ekkonis en ili Petron kaj Jozefon, liaj iamaj lernejaj kamaradoj, kiuj ankoraŭ nun estis siaj bonaj amikoj. Nun ili alvenis kaj saltis sur la bordo. Karlo bonvenigis ilin, kaj ili etendis al li iliajn manojn, kiuj li forte premis.




### Kvinpinta stelo per unu tranĉo.

Kiel oni povas tranĉi el papero kvinpintan stelon per unu tranĉo, tion montras ĉi-supra desegno.

Fig. 1. Oni prenas kvadratan paperon kaj faldas ĝin en la mezo (laŭ linio c-b) tiel ke punkto a restas ekstere dekstre malsupre.

Fig. 2. Oni prenas la supran maldekstran angulon (c) antaŭen kaj metas ĝin sur linion b-a (en punkto e). Oni prenas la supran dekstran angulon (b) malantaŭen kaj faldas ĝin laŭ linio d-e.

Fig. 3. Oni faldas la paperon laŭ linio d-g malantaŭen tiel ke punkto f koincidas kun punkto e kaj rando d-f koincidas kun d-e.

Fig. 4. Oni tranĉas laŭ linio i-e kaj jam havas la kvinpintan stelon. Ju pli proksime la punkto i estas ĉe d, des pli pinta fariĝas la stelo

Sciigis s-ano *O Steiner*, Györ.

# Tiel malkare

ni povas liveri nian gazeton nur tial, ĉar ni fidas, ke vi ne komplikigos nian laboron per superfluaj petoj aŭ demandoj.

*Sendu nur* abonmendojn aŭ reklamtekstojn kaj samtempe la pagon, sen io plua!

*Ne sendu* manuskriptojn por „Verda Stelo"! Manuskriptojn ne petitajn ni povos nek publikigi nek resendi.

*Ne petu* informojn, kiuj ne koncernas nian entreprenon. Tiajn informpetojn ni ne povos respondi.

*Atentu niajn kondiĉojn presitajn sur unua paĝo sub titolo!* Ili donas al vi sufiĉan informon pri ĉio, kion vi devas scii pri nia gazeto.

Nur, tiel agante, vi ebligos al ni, daŭre liveri nian gazeton je tiel nekredeble malalta prezo. Do, bonvolu nepre agi laŭ nia peto!



# Anoncetoj.

(Klarigoj: L = leteroj, PK = poŝtkartoj, PI = poŝtkartoj ilustritaj MP = poŝtmarkoj, MB = monbiletoj, kĉl. = kun ĉiuj landoj, bfl. = [Poŝtmarko] bildflanke.)

F-ino Elise Jacobs, Flensburg Schleswig, Germanujo, deziras korespondi pri limproblemoj, kulturaŭtonomio kaj pacaferoj. Tuj respondos.

S-ro József Boca, grupkasisto, Debrecen, Hatvanstr., Hungarujo, interŝanĝas PI (bfl.), fotogr. kaj gaz. por siaj kunuloj: direktoro, biblioteka profesoro, ĵurnalistoj, bank-, privat- kaj poŝtoficistoj, laboristoj kaj gestudentoj. Respondo garantiata.

S-ro Josef Hrabě, oficisto, Ĉeĥoslovakio, Praha XII., na Kozačce 8, proponas interŝanĝadon de PM laŭ Yvert aŭ po pecoj. Respondas senprokraste.

S-ro B. Carlén, Yxhult, Kumla, Svedujo, deziras interŝanĝi PI kaj PM kĉl. Ne deziras germanajn PM. Certe respondos.

S-ro Lissa Giuseppe, Via Borroni 10, Voghera, Italujo, deziras interŝanĝi PM kĉl.

S-ro Robutti Luigi, Borgo Plana, Voghera, Italujo, deziras interŝanĝi PM kĉl.

Mi deziras korespondi per PI (bfl.) kun *francaj* samideanoj. Nepre respondos. S-ro Erik Fredriksson, studento, N. Järnvägsgat 6, Uddevalla, Svedujo.

S-ro Nako Nakov, Del. de UEA, Silistra, Rumanujo, korespondas per L, PK kaj PI (bfl.) pri ĉiuj temoj kĉl.

Korespondantojn serĉas por siaj 20 gelernantoj (15-20 jaraj) s-ro Nako Nakov, Del. de URA, str. Princ. Nicolae 27, Silistra, Rumanujo.

Kursanoj, 14-jaraj, en liceo bezonas interesigan, instruan korespondadon, kaj interŝanĝon de PK, PM, ĵurnaloj, desegnoj, semoj, sekaj floroj ktp. Por korespondo kursanoj plenaĝaj el diversaj metioj kaj lokoj mi ankaŭ deziras adresojn. Unuan fojon sendu bonvole al Rektoro Sam Jansson, Beskowska skolan, Stockholm, Svedujo.

Korespondadon per PI plej volonte kun Anglujo, Islando kaj Ameriko deziras s-ro Hans Fick (interŝanĝas ankaŭ memfaritajn fotografaĵojn), kaj tri knaboj, 14-jaraj, mezlernantoj, Wilhelm Schlünz, Hans Heinz Milhahn kaj Jonny Wotenow. Loĝejo: Neu Wokern, Mecklenburg, Germanujo.

Portugalo deziras korespondi kĉl. per K kaj L. Ĉiam respondos. S-ro Fernando Fernandes, Rua A. aô Rego A F r/c Dto., Lisboa, Portugalujo.

La „New Cross" Esperantista Rondo aranĝos 25. 10. propagandan ekspozicion, kaj ĝi kore petas pri alsendo de ĉiaj esperantaĵoj al: s-ro W. H. Lester, 2 Guildford Road, Greenwich, London S. E. 10.

Kelkaj samideanoj 20-28jaraj deziras korespondi per PI kaj L kun fraŭlinoj, precipe ekstereŭropaninoj aŭ vizitontinoj de la Danziga kongreso. Esp. Grupo „Amikaro", Langenau apud B. Leipa, Nordbohemujo, Ĉeĥoslovakio.

S-ro Theo Verschueren, Oedenkovenstr. 44, Antwerpen Belgujo, deziras interŝanĝi PK (bfl.).

S-ro Felix Langerwerf, Fonteinstraat 75, Antwerpen, Belgujo, deziras interŝanĝi PI.

S-ro Koljo K. Koljazov, instruisto, c. Trakiec, Haskovsko, Bulgarujo, deziras korespondadi pri diversaj temoj per L kaj PK kun ĉiulandaj geesperantistoj. Ĉiam respondos.

F-ino Mara Gerginova, ul. Graf Ignatiev 4. Haskovo, Bulgarujo, deziras korespondadi kĉl. per PK kaj L.

S-ro Sostarics Lajos, reklampianisto, desegnisto kaj pentristo, Hodmezővásárhely, Korsó Mozi, Hungarujo, interŝanĝas PI, desegnaĵojn, ilustritajn afiŝojn, reklamilojn kaj revuojn de reklamarto kun la tuta mondo. Certe respondos.

S-ro Jozefo Benkö, Hidutca 9, Szombathely, Hungarujo, deziras korespondi per L kaj PI kaj interŝanĝi PM.

F-lo Aleksandro Efimov, Dubovka, Stalingradsk. gub., Mininskaja 52, Sovetunio, deziras korespondadi pri ĉiuj temoj, speciale pri radio kaj tekniko, kaj interŝanĝi PI kaj radio ĵurnalojn kĉl. Respondo garantiata.

F-lo Aleksandro Gierajevski, Szkola Povszechna, Nieśwież, Polujo, deziras interŝanĝi PM kĉl. Respondos certe kaj baldaŭ.

Gemembroj de la grupo esperantista de la mezlernejo de Hammaroe, Svedujo, deziras korespondadi per L kaj PI kun junaj gesamideanoj de ĉiuj landoj. Adresu: Grupo esperantista de la mezlernejo, Hammaroe, Svedujo.

S-ro H. Pfeil, Horrem Bez. Köln, Germanujo, deziras interŝanĝi PI (bfl.) kaj PM precipe kun Oriento kaj Balkano. Tuj kaj certe respondos.

S-ro G. van Dijk, Wormerveer, Tuinstraat 59, Nederlando, deziras interŝanĝi PM kun gesamideanoj el la tuta mondo laŭ nombro kaj ankaŭ laŭ katalogo de Yvert 1926. Ĉiam valore.

S-ro C. Itoh, P. O. Kesto 21, Sasaŝima, Nagoja, Japanujo, deziras korespondi per belaj PI kĉl. Certe respondos, almenaŭ unufoje.

S-ro N. G. Kotelevcev, str. Ĵukoskaja 41, Ekaterinoslav, Sovetunio, deziras korespondadi kĉl. pri diversaj temoj per PI (bfl.) kaj L. Respondo garantiata.

S-ro Fr. Reisner, Kehra, Estonio, deziras korespondadi per PI (bfl).

S-ro Jozef Ekstein, Wien III, Kölbigasse 6, Aŭstrio, deziras korespondadi kun la tuta mondo, esceptite Germanujo.

Mi deziras interŝanĝi PI. S-ro Donaldo Dunkano, 109 So. Main, Ennis, Texas, Usono.

S-ro Joŝko Kozlevĉar, Salenorova ul. 6/IV., Ljubljana, Jugoslavio, deziras korespondi kĉl. per PI kaj L.

S-ro M. Wieland, Horrem Bez. Köln, Germanujo, deziras interŝanĝi PM. Rekompence sendos ankaŭ alilandajn PM. Certe respondos. Ne sendas unue.

Mi deziras korespondadi per PI (bfl.) kĉl. S-ro Juan Puertas, Pasaje Ametller 25, Barcelona, Hispanujo.

F-ino H. Mac-Donald, 29 a Livingstone Road, Selborne Avenue, Bulawayo, Suda Rodezio, Afriko, deziras interŝanĝi PI precipe kun ekstereŭropanoj.

Laŭleĝe deviga teksto germanlingva: Verlag und Druck (Eldonejo kaj Presejo): Gebr. Jung, G. m. b. H, Horrem bei Köln. Verantwortlicher Schriftleiter (Respondeca Redaktoro): Teo Jung, Horrem b. Köln